13 a JARO MARTO - APRILO 1922 N. 3—4

# Brazila Esperantisto



OFICIALA ORGANO DE
BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
REDAKCIO—Praça 15 de Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO





SOLECO

Pentraĵo de S-ro Levino Fanzéres, laŭreato de la Nacia Lernejo de Belartoj, kaj malnova esperantisto

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

**(Liga Esperantista Brasileira)**

**B. L. E.**

*(Reconhecida de Utilidade Publica por Decreto n. 4356, de 26 de Outubro de 1921)*

Unuiĝo Kreas Forton

## ESTATUTOS

Art. 1° — A BRAZILA LIGO ESPERANTISTA (B. L. E.), fundada em 21 de Julho de 1907, com séde na cidade do Rio de Janeiro, tem por fim :

a) Dirigir a propaganda geral do Esperanto no Brasil ;

b) Fazer propaganda do Brasil no estrangeiro por meio do Esperanto ;

c) Colligar e auxiliar os grupos esperantistas ;

d) Organizar regulamentos para exames de Esperanto e dar os respectivos diplomas ;

e) Promover a creação de cursos superiores e por correspondencia ;

f) Representar a opinião dos esperantistas brasileiros que lhe forem filiados :

g) Superintender a organização de congressos brasileiros de Esperanto ;

h) Editar o BRAZILA ESPERANTISTO.

Art. 2° — A «Brazila Ligo Esperantista» consiste de:

a) Socios fundadores ;

b) Socios isolados ;

c) Socios bemfeitores ;

d) Socios honorarios ;

e) Grupos filiados (sociedades, associações, clubs, etc.)

§ 1° — São socios fundadores todos os que se achavam quites em 13 de Dezembro de 1913.

§ 2° — São socios isolados todos os que pagam uma contribuição annual de 5$000.

§ 3° — E' socio bemfeitor toda a pessôa que fizer á B. L. E. uma doação de, pelo menos, 200$000.

§ 4° — E' socio honorario toda a pessôa que prestar grandes serviços á B. L. E. Este titulo será dado por um congresso brasileiro de Esperanto.

§ 5 — São grupos filiados todos os que, acceitando este regulamento, pagam uma quota annual de, pelo menos, 15$000, correspondente a seis socios, a razão de 2$500 cada um.

§ 6° — Os pagamentos são feitos adiantadamente.

Art. 3° — A «Brazila Ligo Esperantista» não intervem nas questões que dizem respeito á vida interna dos grupos filiados, que podem livremente agir, segundo os seus estatutos.

Art. 4° — Os socios têm direito a :

a) Receber gratuitamente o «Brazila Esperantisto», orgam official da B. L. E.

b) Gosar de abatimento nos livros ou outras publicações feitas pela B. L. E.

1° — Os grupos filiados podem, gratuitamente, publicar no orgam official informações sobre o movimento esperantista local.

Art. 5° — A «Brazila Ligo Esperantista» reunir-se-á em sessões ordinarias de trez em trez mezes, nas quaes tomarão parte os membros da directoria, os socios isolados e os delegados dos grupos filiados.

§ 1° — Os membros da directoria e os socios isolados têm direito a um voto cada um.

§ 2° — Os delegados de grupo filiado têm direito a tantos votos quantas vezes a contribuição total do grupo contiver a quota annual de um socio isolado. Esses votos poderão ser accumulados por um delegado ou repartidos por dois ou mais.

Art. 6° — A «Brazila Ligo Esperantista» será dirigida por uma directoria composta de um presidente, um vice-presidente, um secretario geral, dois secretarios e um thesoureiro.

§ unico — A directoria será eleita durante os Congressos Brasileiros de Esperanto, ou em assembléa geral se houver um intervallo superior a dois annos entre dois Congressos.

.....................................

## ESTRARO de B. L. E.

*Honora prez* — D-ro Everardo Backheuser.
*Prezidanto* — Ing. A. Couto Fernandes.
*Vicprezidanto* — D-ro Venancio da Silva.
*Generala sek* — Ing. H. Motta Mendes.
*1ª sek* — S-ro Odillo Pinto.
*2ª sek* — F-ino Yrany Baggi de Araujo.
*Kasisto* — S-ro E. Felix Tribouillet.

---

## GRUPOJ ALIĜINTAJ AL «B. L. E.»

1. BRAZILA KLUBO «ESPERANTO». (1906) Sidejo · *Praça 15 de Novembro, 101, Rio de Janeiro.*
2. ESPERANTO - KLUBO DE ARACAJU'.(1907). Sidejo. *Aracajú, Sergipe.*
3. VIRINA KLUBO. (1912) Sidejo : *Rua General Severiano, 170, Rio de Janeiro.*
4. GRUPO ESPERANTISTA «COUTO FERNANDES». (1914). Sidejo: *Rua Collares Moreira, 116· S. Luiz. Maranhão.*
5. NOVA SAMIDEANARO. 1919). *Rua Tristão Gonçalves, 246. Fortaleza. Ceará.*
6. ESPERANTISTA RONDETO «VERDA STELO» (1919). *São Bonifacio. Correio de Theresopolis. S. Catharina.*
7. VERDA STELARO. (1920). *Rua Paysandú, 781. Pelotas. Rio Grande Sul.*
8. ESPERANTISTA GRUPO «ENERGIO».(1921). *Instituto Historico e Geographico. Belém. Pará'.*

---

## Tarifo por anoncoj

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 Paĝo ............ | 40 | Fr. | francaj. | 24$000 |
| 1/2 » ........... | 25 | » | » | 15$000 |
| 1/4 » ........... | 13 | » | » | 8$000 |
| 1/8 » ........... | 8 | » | » | 5$000 |
| 1/16 » ........... | 5 | » | » | 3$000 |

Rabatoj : 2 enpresoj 5 %, 3 enpresoj 10 % 6 enpresoj 20 %.

Procento al la anonckolektantoj 10 %.

# BRAZILA ESPERANTISTO



OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

13-a Jaro — Numero 3-4

Aliĝo al B. L. E. 5$000
Jarabono eksterlande Fr. 5
(Franca valoro)

Marto-Aprilo 1922

REDAKCIO—Praça 15 Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO


# FRAŬLINO ANJO

*Al S-ro Ismael G. Braga*

Al mi mem ĝi okaziş iafoje :
Rememori mi penos.

Kiel legendo mi rakontos ĝin
Ĉar neniu komprenos...

Mia ĉeval', rapide galopante
Forkuras nespirante.

Kontraŭa vent' agitas sur la kapo
Plumaron de la ĉapo.

Fidela hund' konstante ĉi kuniras
Kaj ĝi flugi deziras.

Senlace mi rapidas tra kamparoj,
Tra montoj kaj arbaroj.

Ĉar longatempe jam atendas min
Amata belulin'.

Mia ĉeval', rapide galopante,
Forkuras nespirante.

. . .

Mi rajdadis ankoraŭ kaj rapidis,
Virinon mi ekvidis.

Kiam ŝi ridas, la vangeto bela,
Estas io ĉiela...

Ol ŝia korpo ĉarma, beltalia,
Nenio pli gracia...

Kaj mi kuradis ĉiam, kaj rapidis,
Kiam Anjon mi vidis.

. . .

— Brava rajdanto, diru tuj al mi :
Kien kuradas ci ?

—Senpacience jam atendas min
Karega fianĉin'.

— Certe nun ŝi pro ci ne plu sopiras ;
Kial ci rapidiras ?

— Ĉar longatempe jam atendas min
Amata belulin'.

— Bela rajdanto, la kuradon ĉesu
Belulinon forgesu...

. . .

Kiam ŝi ridas, la vangeto bela
Estas io ĉiela...

Ol ŝia korpo ĉarma, beltalia,
Nenio pli gracia...

Ĉe la kastel' atendas vane min
La bela fianĉin'.

*El Fontoura Xavier*

Esperantigis J. B. Mello e Souza.

## CONFITEOR

(Luiz Guimarães Filho)

Al maro, al astroj, al ventoj,
Al la plej hontema el floroj,
Konfesis mi amon la mian
Kaj mian kaŝitan turmenton.

La maldiskretaj homaranoj
Ĝin aŭdis de miaj du lipoj;
Mi diris al Di', al anĝeloj,
Per mia la voĉo poeta.

« Mi amas ! Mi amas ! Mi amas ! »
Mi ĉie kaj laŭte ekkrias,
Al la tuta mondo mi diras;

Sed apud ŝi mi ekmutiĝas,
Ruĝiĝas, timetas, paliĝas,
Mi volas, sed diri ne scias.

Tradukis *La Forgesito*

(El la verketo « Ama Stelaro », ĵus aperinta).

## LA DU PATRINOJ

*Laŭ Soulary*

En preĝejon eniras du sekvantaroj, unu baptiĝa kaj la alia funebra.

En la unua, la patrino portas sian fileton al baptejo, fiera pri sia patrineco kaj tre ĝoja, ĉar la etuleto, ruĝa kaj parfuma kiel rozo, tuj ricevos la benon de Dio por fariĝi bona kristano. Rigardante ĝin, ŝi ridas.

En la dua, la patrino, la okulojn larmoplenajn, la koron vunditan de nekomparebla doloro, portas la mortintan fileton por ricevi la funebran sakramenton.

Kontraŭe de la unua, tiu ĉi havas la nokton en la koro, kaj kisante la mortintan fileton, ŝi ploras plendolore.

.........................................

Jen la du sekvantaroj eliras. Estas admirinde !

La patrino, kiu eniris ridante kun sia baptiĝonta fileto, rigardas la malgrandan ĉerkon, en kiu kuŝas la malgranda mortinto, kaj ploras, dum tiu, kiu eniris plorante kun la mortinta fileto, rigardante la freŝan vizaĝeton de la baptiĝinto, ĝin rigardas karese kaj ridas.

*Sebastião Albuquerque.*

## Skoltismo kaj Esperanto

La Unua Brazila Skolta Kongreso ĵus aprobis, per aplaŭdo, la jenan deziresprimon, prezentitan de s-roj Guilherme Azambuja Neves kaj A. Couto Fernandes :

Konsiderante ke pli kaj pli montriĝas la neceson de internacia lingvo por la skoltoj ;

Konsiderante ke Esperanto tute plenumas la postulojn de lingvo internacia ;

La Unua Brazila Skolta Kongreso decidas konsili ke ĉiuj skoltoj lernu Esperanton kaj ĉiuj grupoj faciligu la lernadon de tiu lingvo malfermante kursojn en sia sidejo.

## Revista de Lingua Portuguesa

**(Revuo de Portugala Lingvo)**

Tiu ĉi bonega dumonata revuo, arkivo de studoj rilataj al la lingvo kaj literaturo naciaj, publikigis la paroladon faritan de nia klera samideano generalo J. M. Moreira Guimarães okaze de la Sesa Brazila Kongreso de Esperanto.

La prezidanto de Brazila Ligo Esperantista sendis al d-ro Laudelino Freire, konata literaturisto kaj direktanto de la revuo, dankan leteron, kiu aperis en la Maja numero.

## ESPERANTA LIGILO

*Monofero por «Esperanta Ligilo», porblindula gazeto*

| | |
|---|---|
| Brazila Ligo Esperantista.. | 10$000 |
| Brazila Klubo «Esperanto».. | 5$000 |
| A. Couto Fernandes....... | 2$000 |
| D-ro Nuno Baena......... | 2$000 |
| E. Felix Tribouillet....... | 2$000 |
| H. Motta Mendes......... | 2$000 |

## Illustração Brasileira

La Aprila numero de tiu ĉi belega ilustrita revuo, oficiala organo de la Aganta Komitato de la Centjarfesto de l' Sendependeco de Brazilio, publikigis la konatan rakonton «A agulha e a linha», de Machado de Assis, esperantigitan de d-ro Alcibiades Paes, kaj la portreton de la infanoj de la angla esperantisto s-ro C. Butler, vicprezidanto de «La Brita Literaturo kaj Debata Societo».

Ĉiu numero kostas 2$000. Redakcio : *Rua do Ouvidor, 164. Rio de Janeiro.*

## XIV Congresso Universal de Esperanto

Continuam com grande animação os preparativos para o XIV Congresso Universal de Esperanto, a realizar-se em Helsinki, capital da Finlandia, de 8 a 16 de Agosto vindouro.

Estão já fixados os dias de partida dos vapores que transportarão os Congressistas, sahindo de Hull, Copenhague, Stettin, Lübeck, Stockolm, Tallinn e Danzig.

O Ministerio das Relações Exteriores da Finlandia determinou que os passaportes sejam concedidos sem mais formalidadc que a apresentação do cartão de congressista.

Organiza-se uma excursão ao Circulo Polar Arctico, que deverá ser realizada antes do Congresso.

O endereço postal é : XIV-a Kongreso de Esperanto, Helsinki, Finlandia. O telegraphico é : Esperanto, Helsingfors.

Informações no Rio de Janeiro : Brazila Ligo Esperantista, Praça 15 de Novembro, 101, 2º andar.

O governo finlandez subvenciona o Congresso com 50.000 marcos (mais ou menos : 7:000$000), e põe á sua disposição diversos salões do antigo edificio do Parlamento (Säätytalo), que actualmente servem de sala de sessões das Commissões Parlamentares. A sessão de abertura, e tambem a de encerramento, será realizada no Theatro Nacional.

As adhesões em Março ascendiam a 230, tendo-se inscripto representantes da Allemanha, Esthonia, Polonia, Grã-Bretanha, Hollanda, Tcheco - Slovaquia, França, Austria, Hungria, Italia, Suissa, Lithuania, Dinamarca, Suecia, Hespanha, Estados Unidos, Turquia, Canadá e Japão.

## Brazila Klubo «Esperanto»

*8ª Ordinara Estrara Kunsido en la 4ª de Marto 1922.*

Prezidas D-ro Nuno Baena. — La protokolo de la 7ª kunsido estas aprobita. La korespondaĵo. konsistas el letero de la gazeto « Brazila Vivo », petanta helpon por sia eldono.

La prezidanto sciigas, ke la parolado de f-ino Maria Luiza Bocayuva okazos la 16-an de Marto, je la 17ª horo, ĉe la sidejo de B. K. E.

La Prezidanto legas kopion de la letero sendita al «Brazila Vivo», pri helpo al ĝia eldono. La estraro konsentas kun la neplenumo de la peto, pro la pravigoj montritaj.

La bilanceto duonjara estas aprobita.

*9ª Ordinara Estrara Kunsido en la 1ª de Aprilo de 1922.*

Prezidas d-ro Nuno Baena.

La protokolo de la 8ª kunsido estas aprobita. La sekretario legas poŝtkarton de s-ino Klara Zamenhof responde al la letero al ŝi sendita de nia Klubo, en la datreveno de nia glora Majstro, kaj leteron de s-ro Moacyr Caminha, ĉefredaktoro de «Brazila Vivo», responde al la letero al li sendita pri la eldono de la gazeto.

Estas akceptita ano de B. K. E. doktoro Petrarcha de Mesquita, laŭ propono de s-ro Ed. F. Tribouillet.

## Nomareto de koloroj

La suna spektro konsistas el jenaj ĉefaj kolorpartoj : viola, blua, verda, flava, oranĝa kaj ruĝa. Ĉiu koloro povas esti densa aŭ pala, malhela aŭ hela, -ega aŭ -eta.

Viola koloro estas videbla en floroj de hiacinto, irido, siringo, malvo kaj violo ; melongeno estas nigreviola aŭ violenigra; ametisto estas paleviola aŭ violeta ; se ni miksos purpuran farbon kun la blua, ni ricevos la violkoloron.

Bluo aŭ lazuro havas tri ĉefajn nuancojn : kobalto aŭ safira aŭ zenitoblua, meza aŭ ĉieloblua, turkisa aŭ horizontoblua, simila je marakva koloro. Grizebluajn nubojn malaltajn ni iufoje nomas plumbekoloraj. Krom kobalton, pentristo ofte uzas prusbluon, malofte indigon. Cejano, miozoto (neforgesmino), kampanolo (kloŝofloro), akonito napeta, lino, veroniko kaj salvio prezentas grandan serion de blunuancoj.

Verda estas herbo kaj freŝa foliaro. Verdigro estas venena kuproksido kun helverda koloro. Smeraldo estas verda gemo. Por kunmeti verdan farbon, pentristo miksas bluon kun flavo ; por vegetaĵa verdo li aldonas iom da ruĝo. Arbo-rano, multaj specoj de lacertoj, akridoj kaj aliaj bestetoj estas verdaj pro «imito».

Flava estas tre ofta koloro, kun tre multaj variaj nuancoj. Flavaj estas floroj de ranunkolo, kalto, berberiso, helidonio, sovaĝa napo, laburno, primolo, linario, kukumo, tusilago, sunfloro, taraksako, leontodo. Florpolvo de lilio flavigas la nazon de nesingarda flaremulo. Fungo kantarelo estas tute ruĝeflava, kiel ankaŭ abrikoto. Heleflava estas citrono, cidonio, melono. Multaj estas la nuancoj de flavo: pajla, ora, safrana, sulfura, olivolea. Malhelaj nuancoj estas : mustarda, kaŝtana, cinama, argila, siena, ĉokolada. En pentrado tre oftaj estas okro, gumiguto kaj hromo.

Oranĝa koloro estas mikso de la flava kaj ruĝa. Ruĝo estas koloro de sango, ĉerizo, fajro, subirante suno, papaveto, kornuso kaj koralo. Pentristo uzas por ĝi karminon, cinabron kaj ruĝan okron.

El «Literaturo».

## ESPERANTISTA CENTRA OFICEJO

GRAVA AVIZO

La oficistaro de la Esp. Centra Oficejo konsistas nun el la solaj jenaj personoj, kiuj dediĉas tempon al la Oficejo, ekstere de siaj profesiaj okupoj :

S-roj Gabriel Chavet, ĝenerala sekretario de la K. K. K.; Barono F. de Ménil, ĉefadministranto, kaj Leono Agourtine (ĝenerala propagando); F-inoj G. Gérard kaj Ch. Gaillot (administraj laboroj).

Por faciligi kaj rapidigi la laboron, oni bonvolu adresi ĉiujn sendaĵojn laŭ la jena maniero :

*Esperantista Centra Oficejo*

*51, Rue de Clichy, Paris—9e.*

La monsendojn oni adresos al la persona nomo de S-ro F. de Ménil, aŭ al lia poŝta ekkonto :

Paris 1er. Arrondissement C. C. 8-60.

## Internacia Scienca Revuo

La traktadoj pri «Internacia Scienca Revuo» estas preskaŭ finitaj. Eldonejo kaj administrejo estos en Horrem bei Köln (ĉe «Esperanto Triumfonta», s-ro Teo Jung): redaktoro: d-ro Walter Döhler, Riesa ; d-ro Robin, Warsawa ; s-ro Rollet de l'Isle, Paris ; s-ro E. Wüster, Berlin. Adreso de la redaktejo : D-ro Walter Döhler, Riesa (Elba) Germanujo.

La unua numero de la Scienca Revuo aperos antaŭvideble en majo. Intertempe la jam pagintaj abonantoj al Scienca Revuo ricevos senpage tiujn numerojn de E. T., kiuj enhavos oficialajn sciigojn pri I. S. A.

La provizora estraro de la Scienca Asocio estas : Rollet de l'Isle, prez.; Rousseau, sekr.; Döhler, helpsek. ; Arnhold, kasisto.

(El «*Esp. Triumfonta*»).

## O ESPERANTO NO THEATRO

Vulgarizador de doutrinas e das formidaveis paixões que differem de povo para povo, na exhibição tanto quanto possivel verdadeira dos seus costumes e flagrantes sentimentaes, o theatro soffria, como todas as manifestações literarias, a compressão asphyxiante dos idiomas.

A subtileza espiritual do theatro francez, a violencia philosophica do inglez, a grandeza pathetica do dinamarquez, a doçura romantica do hespanhol e a violencia electrizante do italiano perdiam grande parte do seu valor no processo, tantas vezes pouco escrupuloso, da traducção. As expressões intraduziveis, as construcções obrigatorias que determinam o desfecho de uma scena, ou criam uma situação dramatica, tudo isso desapparecia, subtrahindo em vigor e belleza ao original, muitas vezes mais do que lhe poderia dar em interpretação.

D'ahi o insuccesso de muitas obras-primas quando traduzidas.

O Esperanto, engenhoso idioma auxiliar de Zamenhof, vem trazer a esse problema solução, senão brilhante, pelo menos satisfactoria.

Assim é que grande numero de peças traduzidas para essa utilissima lingua auxiliar, têm sido representadas em Paris, Berlim, Bruxellas e outras capitaes européas, por artistas de nacionalidades differentes, com exito apreciavel.

São de Léo Claretie os trechos seguintes:

« Representações theatraes têm sido dadas com actores de nacionalidades diversas, em todos os Congressos Esperantistas, em 1905, em Boulogne-sur-Mer, «Le Mariage forcé»; em 1906, em Genebra, «La Fleur du Passé», por de Amicis ; depois, successivamente, em Cambridge, Dresde, Barcelona, Washington, Antuerpia, Cracovia, Berna, São Francisco, Haya, foram interpretadas, entre outras : «Bardell contre Picwick», «Iphygenie en Tauride», de Goethe; «As you like it», de Shakespeare ; «Kaatje», de Paul Spaack ; uma peça de Slovacki-Mazeppa, etc.

No ultimo Congresso, que teve logar em Praga, deante de 2.700 representantes de 42 nações differentes, representou-se uma peça tcheque de Uhrlicky—«Uma noite em Karlowtyn».

Um numero consideravel de peças de theatro têm sido traduzidas e editadas em Esperanto: a maior parte das obras de Shakespeare, Moliére, Racine, Plauto, Lessing, Goethe, Pouchkine, Labiche, Courteline, Gogol, Oscar Wilde, etc.

Temos ahi, claro, no testemunho insuspeito dos factos citados, que grande é já a divulgação, atraves do Esperanto, das grandes obras theatraes de todos os povos.

No ultimo Congresso Esperantista, realizado nesta capital, foi representada, com successo, a deliciosa comedia do grande Arthur Azevedo—«Amor por annexins», proficientemente traduzida para o Esperanto pelo Dr. Couto Fernandes.

«Amo per proverboj», impressa agora na Allemanha, e que teve o justo elogio dos professores Th. Cart, Grosjean Maupin e muitos outros, está para subir á scena no «cabaret» «Verda Kato», em Paris, tendo sido traduzida para o allemão, agradando immenso, segundo noticias, a todos que a têm lido.

O Esperanto vae, pois, preenchendo a sua finalidade de divulgador de obras litterarias, congraçando platéas, fazendo-as vibrar, ao som da mesma linguagem, nos lances emocionaes das mais diversas e caracteristicas sensibilidades.

Actores de varias nacionalidades, a representar num só idioma, agitando platéas ao sopro das formidaveis creações do genio humano, já é bem um symptoma consolador da fraternidade universal.

Progredimos...

JOÃO DE TALMA

(D'*O Imparcial*).

# PINAKOTELIO



MARBORDO "ICARAHY"

Pinakotelio estas la arto, elpensita de s-ro Agostinho Dias Nunes d'Almeida, fari pejzaĝojn kaj bildojn per poŝtmarkoj.

## A diffusão do Esperanto

Em sessão de 13 de Janeiro, a Ligue Française Maritime et Coloniale, presidida pelo Sr. Chaumet, ex-ministro da marinha, e que conta 300.000 membros, approvou a seguinte moção:

1º. Que seja sollicitado do ministro da marinha e do sub-secretario dos negocios maritimos o favorecimento e instigação para o ensino do esperanto em todas as escolas sob sua jurisdicção;

2º. Que o Bureau de Hydrographie seja convidado a propor os meios mais adequados para introduzir o esperanto em suas relações com instituições similares do estrangeiro, sendo publicados na lingua internacional os documentos habituaes;

3º. Que as companhias de navegação convidem e instiguem os seus empregados, principalmente as que transportam estrangeiros, a ficarem em condições de usar efficazmente do esperanto.

## KRONIKO

AMAZONAS. *Manaos*. — S-ino Euthalia B. da Silva Ramos, kiu bone scias Esperanton, skribis al la prezidanto de Brazila Klubo «Esperanto» promesante helpi ĝian propagandon en tiu norda Ŝtato.

CEARA'. *Fortaleza*. — La grava asocio «Komiza Fenikso», kiu de kelka tempo interesiĝas pri Esperanto, decidis enmeti en sian programon kurson de tiu lingvo, kiu malfermiĝis je la 3a de Aprilo lasta. La profesoro de tiu kurso, en kiu enskribiĝis 23 lernantoj, estas s-ro Francisco Falcão, kiu jam gvidas du aliajn. La gazeto «Phenix Caixeiral», oficiala organo de tiu asocio, detale parolis pri la kurso kaj pri la deziresprimo, kiun ĝi sendis al la 6ª Brazila Kongreso de Esperanto.

Ankaŭ la «Asocio de la Merceristoj» decidis starigi kurson de la internacia lingvo en sia lernejo. «O Mercieiro», ĝia organo, publikigis artikolon pri la kurso malfermota kaj la leteron senditan de s-ro Antonio Jucá, unua sekretario de «Nova Samideanaro».

— Je la 23a de Aprilo, en la sidejo de «Komiza Fenikso», okazis solena kunsido de «Nova Samideanaro» por ekposedo de ĝia nova estraro. Ĝin prezidis s-ro José da Cruz Filho, reprezentanto de d-ro Justiniano Serpa, prezidanto de la Ŝtato. Sidiĝis ankaŭ ĉe la estrara tablo la jenaj sinjoroj: d-roj Jonas Miranda kaj Lauro de Paula Valle, kanoniko José Quinderé, reprezentantoj de la sekretario de l'Internaj Aferoj, de la Ĉefurbestro kaj de la Ĉefepiskopo, kaj subkolonelo Salvador Barbalho Uchôa, komandanto de l'Milita Kolegio.

Parolis s-roj Eurico Pinto, ĵurnalisto d-ro Alberto F. Moreira, kaj Francisco Falcão, kiu legis tradukon de la unua ĉapitro de «Iracema», fama romano de José de Alencar.

Sekvis la ekposedo de la jena estraro: Prez. — s-ro Eurico Pinto Pereira, vicprez. — Joel de Lima Linhares, 1ª sek.—s-ro Antonio Freire Jucá, 2ª sek.—f-ino Lydia Theophilo Pacheco kaj kas.—f-ino Maria José de Castro.

S-ro Cruz Filho fermis la kunsidon kaj invitis la ĉeestantaron por viziti la ekspozicion de esperantaĵoj aranĝitan de la senlaca grupo «Nova Samideanaro».

La ĵurnaloj «Correio do Ceará», kaj «Diario do Ceará» priparolis pri tiu festo kaj pri la aliaj okazintaĵoj.

— Aperis la dua numero de «Brazila Vivo», kies direktoro estas la klera esperantisto s-ro Moacyr Caminha.

*Crato.* — Dank' al klopodoj de la klera pastro Manoel Feitosa fondiĝis la «Cariry Esperantista Asocio», al kiuj jam aliĝis multaj komercistoj, seminarianoj, artistoj, profesoroj, k. c. Estas notinda la fakto, ke ankaŭ aliĝis al tiu societo Lia Episkopa Moŝto kaj la ĝenerala vikario. Daŭras la kurso en Seminario kaj baldaŭ malfermiĝos alia en la Asocio de Komercoficistoj.

*Iguatú.* — Funkcias kurso direktata de la instruistino f-ino Izabel Linhares, en kiu enskribiĝis 16 gelernantoj. Oni intencas fondi virinan esperantistan grupon.

— En *Mecejana*, *Affonso Penna*, *Girau*, kaj *Miguel Calmon* la distingindaj instruistinoj f-inoj Maria das Graças Padilha, Anna Weyne, Stella de Castro kaj Cora de Castro interesiĝas pri Esperanto.

Kiel oni vidas, regas granda entuziasmo por la genia kreitaĵo de Zamenhof en la progresema Ŝtato Ceará.

BAHIA. *Cachoeira.* — «Fraternidade», organo de Loja Theosophica Lotus Branco, publikigis la paroladon faritan de f-ino Leonor Holsapple ĉe Virina Klubo, en Santos, Ŝtato S. Paulo.

S. PAULO. *Mogy-Mirim.*—«A Comarca», sciigis sian legantaron pri la ricevo de «Brazila Esperantisto».

PARANA'. *Coritiba.*—«Gazeta do Povo» aperigis artikolojn pri la XIV Universala Kongreso de Esperanto okazonta en Helsinki, ĉefurbo de Finnlando, kaj pri «Esperanto kaj Scienco».

MINAS GERAES. *Caxambú.*—La ĵurnalo «O Caxambú» parolis pri la vizito farita de nia fervora samideano s-ro Quirino de Oliveira al sia redaktejo kaj decidis malfermi esperantan fakon sub lia direkto.

STA. CATHARINA. *Florianopolis.*— Nia klera samideano, d-ro José A. Boiteux, sekretario de l' Internaj Ateroj, sendis al ni eltranĉaĵon de ĵurnalo enhavantan telegramon el *Lisbono* pri la malfermo de kurso de Esperanto en la Societo de Geografio de tiu ĉefurbo.

RIO GRANDE DO SUL. — «A Opinião Publica« transskribis la artikolon de «O Imparcial», de Rio de Janeiro, pri «Esperanto en la Teatro».

Ni ricevis esperantan folion kun reklamo pri nepra kuracilo kontraŭ dentdoloro, nomata «Nedoloro», de s-ro Walter Franz.

RIO DE JANEIRO. — Je la 16ª de Marto okazis en la honora salono de la Societo de Geografio, sub la aŭspicioj de Brazila Klubo «Esperanto», parolado farita de la klera instruistino f-ino Maria Luiza Bocayuva pri «Floroj kaj rubandoj». Prezidis la kunvenon vicadmiralo Gomes Pereira, prezidanto de la Geografia Societo kaj eksministro de la Maristaro, kaj prezentis la paroladontinon al la ĉeestaro generalo Moreira Guimarães.

Post la parolado, kiu estis vere brilega, d-ro Adolpho Diniz, konata profesoro, kiu ne sciis Esperanton, diris kelkajn entuziasmajn vortojn pri la belsoneco de tiu lingvo.

S-ro Gomes Pereira fermante la kunvenon diris ke li estas certa pri la triumfo de Esperanto, ĉar ĝia propagando estas tiel brile farata.

Tiu kunveno lasis bonegan impreson al la grande ĉeestaro, kiu plenigis la salonon de la Societo.

Preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj parolis pri la Internacia Konferenco de Profesoroj de Esperanto okazinta en Genevo.

— «O Imparcial» publikigis longan artikolon titolitan «Esperanto en la Teatro» verkitan de nia klera samideano s-ro Reis Perdigão.

— «Nova Sociedade» daŭrigas la kurson de Esperanto kaj aperigis kelke da tradukoj en Esperanto kaj artikolon pri la XIV Universala Kongreso.

— «Jornal do Brasil» publikigis telegramon pri la malfermo de kurso de Esperanto ĉe la Societo de Geografio en Lisbono.

«Renovação», organo de «Gremio Artistico Renovação», publikigis esperantistan paĝon kaj malfermis kurson de Esperanto.

— S-ro José do Nascimento faris je la 3ª de Marto paroladon pri «Frateco kaj Esperanto».

— Vizitis la sidejon de Brazila Ligo Esperantista la usona esperantistino f-ino Leonora Holsapple, kiu forveturis al Bahia.

A. C. F.

## Os Escoteiros e o Esperanto

O 1.° Congresso Brasileiro de Escoteiros, que se está realizando n'esta Capital, approvou, por unanimidade e com applausos, a seguinte moção, apresentada pelos Srs. Guilherme Azambuja Neves e A. Couto Fernandes :

Considerando que cada vez mais se faz sentir a necessidade de uma lingua internacional para os escoteiros ;

Considerando que o Esperanto satisfaz plenamente as exigencias de uma lingua internacional ;

O 1° Congresso Brasileiro de Escoteiros resolve aconselhar a todos os escoteiros que aprendam o Esperanto e aos grupos que facilitem o estudo d'essa lingua, abrindo cursos em sua séde.

O projecto foi plenamente justificado pelo Snr. Azambuja Neves.

———

A Associação dos Escoteiros Catholicos do Brasil recebeu um convite, em Esperanto, da Liga Internacional Catholica, para se fazer representar no Congresso Internacional Catholico, a realizar-se, de 31 de Julho a 3 de Agosto do corrente anno, n'a cidade de Luxemburgo, e uma carta, redigida em Esperanto, dos Escoteiros de Kiev, Russia, saudando os Escoteiros brasileiros e pedindo informações sobre o movimento escoteiro no Brasil e na America do Sul.

## Protesto

Mi protestas energie kontraŭ la konduto de S-roj Oskar Ziegler & C.°, el Marktredwitz (Bayern), pro la jenaj motivoj:

1e — Anstataŭo de vortoj kaj esprimoj, ne rajte farita laŭ iliaj preferoj lingvoj, en la manuskripto de mia verko «Ama Stelaro», konfidita al ilia honesteco por presigo (antaŭe pagita).

2e — Aldono de anoncoj al mia propra eldono, sen mia permeso, precipe tiuj en germana lingvo, kiun mi ne scias, kaj tiuj pri la mondomilito, kiujn mi tute ne permesus.

Rio de Janeiro, la 1an de Majo 1922.

La Forgesito
(D-ro Nuno Baena)

## O Esperanto no Estrangeiro

INGLATERRA. *Londres.* — A Commissão organisadora do 13° Congresso Britannico Esperantista prosegue nos preparativos para sua inauguração em Junho proximo.

Na reunião dos educadores, a 5 de Janeiro p.p., o dr. C. W. Kimmins, presidente da Commissão de Instrucção da Liga das Nações, disse que muito se interessava pelo Esperanto e o julga indispensavel por ser o ideal da reciproca communicação da Liga. A senhorita C. M. Morton disse que a sua experiencia no professorado de crianças deu-lhe a convicção de que, as que aprenderam o Esperanto melhor comprehendem a lingua nacional do que as que o ignoram.

*Liverpool.* Acaba de ser fundada n'esta cidade a « *Asocio de Diplomitoj Esperantistaj*», tendo por fim : Crear um grupo de diplomados aptos a instruir a lingua na região ; permutar idéas relativas ao ensino da lingua ; discutir assumptos linguisticos e zelar pelos direitos e privilegios dos socios, em todos os sentidos. Foi eleito presidente effectivo o Prof. W. E. Collinson e secretario o snr. R. Prys Giffiths.

— Os Esperantistas que desejarem fazer parte da «*União da Liga das Nações*», devem dirigir um cartão postal ao Secretario Geral, 15 Grosvenor Crescent, Londres. S.W. 1, dando o respectivo nome seguido da palavra — Esperantista.

*Coatbridge.* A sra. Watson, professora de Esperanto na Escola publica de Blairhill, communica que 58 meninas de 10 a 12 annos começaram o estudo da lingua no anno findo, e com tanto proveito que se communicam com os seus collegas da Allemanha. Tcheco-Slovaquia, Finlandia e Hespanha.

— O dia Zamenhof foi festejado (15 de Dezembro) em toda a Inglaterra ; destacando-se d'entre essas festas a realisada em Liverpool, onde compareceram cem pessoas.

PAIZES-BAIXOS. *Haya.* — Na «*Nederlanda Turista Unuiĝo*», a 16 de Fevereiro ultimo, o Snr. J. R. Isbrücker, perante um auditorio de mais de cem pessoas, discursou sobre o Esperanto e a sua viagem a Praga, para o Congresso XIII. Ouviram com grande interesse a allocução e admiraram as projecções luminosas dos bellos quadros sobre Dresden e Praga. Entre os circumstantes notava-se o Embaixador da Tcheco-Slovaquia, antigo Esperantista, o Consul e o Secretario da Embaixada. Inscreveram-se 20 pessoas para um novo curso, logo após a conferencia.

*Deventer.* A 18 de Outubro ultimo foi fundada a «*Kristana Esperantista Societo Nederlanda*». A directoria provisoria é a seguinte : Snrs. Bneklander (presidente); Klein (secretario); G. Metz (correspondente); Wan Polen (thesoureiro).

ALLEMANHA. -- *Salzburgo.* — Em 25 de Abril ultimo foi inaugurado o *Congresso Esperantista Sul Germanico*.

*Breslau.* O 11° Congresso Esperantista Germanico funccionará n'esta cidade, de 3 a 6 de Junho proximo.

*Leipzig.* O Grupo Esperantista dos Typographos faz um appello aos collegas e *Samideanos* de todo o mundo, incitando-os a propôr ás suas sociedades profissionaes a adopção e propaganda da lingua artificial, por intermedio da Internacional Typographica : para tal, os collegas esperantistas deverão offerecer a essas associações os seus serviços como traductores. Aconselha a ampliar o mais possivel o seu campo de actividade, afim de destruir a opinião de muitos, que os esperantistas constituem uma especie de seita.

DINAMARCA. *Kopenhague.* — A União Esperantista dos Professores Dinamarquezes, autorisada pelo Muséo Escolar, organizou em um dos seus vastos salões uma exposição esperantista, a mais completa que se póde exigir actualmente : de 20 de Fevereiro a 20 de Março : a secção litteraria expõe os trabalhos de nomes mundialmente conhecidos ; outras secções re-

presentam a U. S. A., a Cruz Vermelha, Esperanto durante a guerra, obras sobre o Esperanto em diversas linguas, etc.; a exposição foi preparada de modo a impressionar favoravelmente os visitantes sobre o movimento esperantista e seus resultados praticos. Durante a exposição houve conferencias sobre *«Esperanto e linguas mundiaes»*.

O Inspector do Museu Escolar, professor Christensen, muito interesse revelou pelo Esperanto, prometteudo adoptal-o praticamente no serviço do Museu. Os professores da União offereceram-lhe os seus prestimos para tal magisterio.

DANZIG. — O Senado d'esta cidade livre, pela secção dos negocios exteriores, deliberou conceder uma subvenção mensal de 1.000 marcos á Sociedade Esperantista de Danzig, para conclusão dos trabalhos preparatorios, de 10 de Fevereiro até o fim do Congresso Internacional d'esta cidade e honorarios para um secretario que conheça a lingua Esperanto.

A Commissão Organizadora do Congresso local convida os congressistas que se destinem a Helsink, a visitarem Danzig, e tomarem parte no seu Congresso prévio internacional, no qual se evidenciará a utilidade pratica da nova lingua.

A Commissão pede aos que tencionam comparecer, remettam 2.000 marcos germanicos ao «Deutsche Bank Filiale Danzig Esperanto Kongress», escrevam com clareza e mencionem na ordem o fim destinado a tal somma ; se houver sobra será restituida.

Para quaesquer informações ou remessas, á excepção de dinheiro, que será enviado áquelle banco, dirijam-se a « Esperanto Amt Danzig, Herrenjartenkaserne ».

RUSSIA. — Avigora-se e estende-se por todo o paiz o movimento esperantista. Em Nikolajev (governo de Hersena), Samorkand, Pshev, Igumen (gov. de Minska) e Kamensk foram inauguradas novas sociedades; circulos e grupos em Ananjev (gov. Hersena), Turinsk (gov. de Tobala), Herel (gov. de Poltava) e Pustesks (gov. de Nitelska); cursos em Hersen, Ekaterinslav, Cita, Astrakany, Slasvjanskaja. Foi introduzido o Esperanto nas escolas de Barnaul, Jarepolek e Volokelamsk (gov. de Moscou). Foram publicadas novas edições do «Esperanta Informilo», em Petrogrado; «Informa Folio», Arkangelsk. jornal philatelista, com secção esperantista ; «Sub la Verda Standardo» em Kronstadt.

*Moskow*. O Club Esperantista, nas sessões de Novembro e Dezembro p. p., occupou-se largamente com o movimento esperantista estrangeiro e com a personalidade do Dr. Zamenhof. Na Escola média dos funccionarios postaes, houve exames finaes. Em 5 de Janeiro ultimo, foi lido extenso relatorio sobre o Esperanto. após a conferencia na séde da sociedade dos funccionarios postaes esperantistas de Moskow. A correspondencia para o Club Esp. de Moskow e Cooperativa Esp. deve ser endereçada á caixa postal nº 630.

*Petrogrado*. — A 10 de Dezembro falleceu o conhecido esperantista russo T. Scarmskij, da *Lingvo Komitato*.

*Poltava*. — Falleceu o famoso escriptor V. Rorolenko, autor do bello conto *«La Senlingvulo»*, publicado no «Esperanto Triumfonta».

*Astrakan*. — O Soviet local mantém o movimento esperantista : em 1921 houve 5 espectaculos nocturnos com programma esperantista. A actividade da propaganda está subdividida em diversas secções : clubana, theatral, litteraria, bibliothecaria, de agitação e informação.

FINLANDIA. — *Helsingfors*. — O Parlamento Finlandez concedeu de novo uma subvenção de 25.000 marcos para a Sociedade Esperantista Finlandeza : tal procedimento do governo tem impulsionado o movimento e incrementado o enthusiasmo pelo proximo 14º Congresso Universal de Esperanto. a reunir nesta capital em Agosto p. f.

HESPANHA. *Barcelona*. — O grupo «La Rondo», em Outubro ultimo organizou uma festividade esperantista, na qual foi representada a comedia esperanto-catalã *«Viva o Esperanto»*.

*Valencia*. — No importante *«Centro Dom Bosco»* (Escolas Salesianas) discursou sobre o Esperanto e sua utilidade nas instituições catholicas internacionaes o nosso samideano Arthur Domeneck, de Barcelona. O Instituto de Idiomas (Universidade de Valencia) adoptou o ensino do Esperanto.

*Sabadell*. — No intuito de divulgar conhecimentos scientificos o Grupo Esperantista *«Aplech»* organizou na sua séde uma série de conferencias. Em 13 e 27 de Novembro, e 12 de Fevereiro ultimo, fallaram os Srs. A. Carsi sobre o thema *«Kion montras la naturo»*; o Dr. Rafael Rodrigues sobre *«Kuracista politiko kaj prosperiĝo de l'popoloj»*; o Dr. F. Sans sobre *«Ekskurso tra la Kataluna marbordo»*. Desperta enthusiasmo entre os socios a secção pratica dominical, que consiste em conversa escripta e oral entre os *geanoj*. Approximando-se a primavera, cogita-se da organização de interessantes excursões ás pittorescas localidades do paiz.

ESTADOS-UNIDOS. *New-York*.— A «Esperanto Corporation Service» remetteu, por intermedio da administração do «Esperanto Triumfonta», a somma de 21.518 marcos germanicos, destinada aos Esperantistas famintos da Russia. A referida corporação prometteu remetter no seguinte mez segundo cheque, com identico fim.

JAPÃO. — A Associação Esperantista Ferroviaria Japoneza organizou uma secção de propaganda no Instituto Ferroviario, onde compareceram 200 funccionarios, dos quaes 180 inscreveram-se para um curso esperantista.

*Nagoja*. No 8º Collegio Nacional o Sr. Isiguro dissertou sobre o Esperanto perante 500 estudantes ; immediatamente installou-se um curso com 356 estudantes e fundou-se a Soc, Esp. Nagója e Associação Escolar, no referido Collegio.

*V. S.*

## Tutmonda Adresaro Katolika

La Internacio Katolika (Ika) kune kun I.K.U.E. restarigita ekprenas la iniciaton por enkonduki per ĉiuj iloj Esperanton en la katolikaro. Por praktike montri la nunan disvastigon en katolikaj rondoj ĝi volas kiel eble plej baldaŭ eldoni *tutmondan adresaron katolikan* enhavantan ĉiujn adresojn de la jam en la mondo ekzistantaj Esperantistoj katolikaj. Do ni kore petas ĉiujn samideanojn katolikajn tuj sendi sian ekzaktan adreson aldonante la profesion kaj eventuale la fakojn, pri kiuj iii volas korespondadi aŭ interŝanĝi. Oni skribu sub, «Adresaro» al : *Ika, Graz, Carmeliterpl, 5, Aŭstrujo.*

## Bibliografio

Ni ricevis kaj tre dankas :

ĈEĤA LITERATURO laŭ la birdperspektivo, verkita de Arne Novák. Tradukis Vinc. Krouzil. Eldonita de Barviĉ & Novotny. *Brn. Tcheco-Slovaquia.*

MONNA LIZA. Poemo de *Mikaelo Gerasimov*. Tradukis el la rusa lingvo N. V. Nekrasov. 9ª numero de la kolekto de Esperantista Literatura Asocio. Rusa Sekcio .. *Moskvo 1ª. Rusujo.*

LA VALORO DE LA BIBLIO. Verkita de pastro H. Patiala. El «Kristana Espero», kiu estas organo de la internacia «Kristana Esperantista Ligo». Prezo: 0.20 sv. frankoj.

KATALOGO en Esperanto de la produktaĵoj de la kemiteknika fabriko «Seres». *Turku, Finnlando.*

ESPERANTO-KATALOGO de la eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn. Esperanto-fako. *Leipzig, Salomonstr*, 15. Germanujo.

EKONOMIA FLUGFOLIO de la Internaciaj Foiroj de Frankfurt a. M. Mona valoriĝo kaj foira reklamo, de A. Schons kaj R. Kreuz.

ENTWICKLUNGSGANG DER WELTSPRACHE von Dr. Albert Steche.*Leipzig*. Verlagsbuchhandlung E. G. Weimann. Hospitalstr. 10. Germanujo. Tiu-ĉi broŝuro, germane skribita de la konata prezidanto de la Germana Esperanta-Asocio, estas rekomendinda al ĉiuj germanlingvanoj. Prezo: 10 M., ekskluzive sendkostoj.

ESPERANTO-KATALOGO. Nr. 6. Februaro 1922. Eldonita de Esperanto-Verlag Oskar Ziegler & Co. *Marktredwitz. Germanujo.*

ESPERANTO KATCHISMUS. 50 fragen mit antwort von Kanns Sappl, professor des Esperanto. Paulus verlag Graz. *Karmeliterplatz 5. Austrio.*

## Esperanta Gazetaro

KATOLIKA REVUO, por religiaj, socialaj, sciencaj kaj literaturaj aferoj. Redaktoro: Pastro Johano Kozma, greka-katolika parohestro. Kun la permeso de la eklezia aŭtoritato. Adreso : *Nyircsàszári, Hungarujo*, dep. Szatmár. Jarabono : 10 svisaj frankoj.

CORRIERE BALCANICO - ESPERANTISTA. Organo oficiala de la «Accademia Balcanica de Bari». Filologia, esperantista, komerca kaj politika. Direkcio : *Via Abate Gimma*, 52. *Bari*, Italujo. Jarabono : L. 6.

LITOVA STELO. Revuo eldonata de «Litova Esperanto Asocio». Redakcio : J. Maĉernis. *Kaunas*, Ukmerg. pl. 45. Litovujo. Duonjara abono : 2 sv. frankoj.

ESPERANTA INFORMILO. Monata organo de «Petrograda Societo Esperantista». Redakcio : *Petrograd, Italianskaj*, 31; tel 450-51. Rusujo. Provizora abonpago—5 mil rubloj por la ekzemplero.

EXPORT ESPERANTIST. Monata ĵurnalo, kiu celas fariĝi ilo per kio oni povas vendi kaj aĉeti tra la tutan mondon. Redakcio: *Room, 401, 102 N. Wells st., Chicago, Ill.* U. S. A.

## Neesperantaj gazetoj kun konstanta esperanta fako

«FIWA» (Altuta monda vendpropono pri filmoj). Oklingva gazeto. *Industrie-u. Handelsgesellschaft «Continental» m. b. H. Bremen*, Langenstr. 60. *Germanujo*. Abonprezo : afrankite 300 M. jare.

KOSMOGLOTT. Jurnal scientic inpartial de lingue international. Organ del Societé Kosmoglott. *Nikitinstraat 10. Reval. Estonia.*

EL HERALDO NATURISTA. Revista ilustrada de Mexico. Organo hispano-americano impulsor de la ciencias tendentes al cultivo de la salud y mejoramiento de la especie humana.

Direccion y Administracion : *16 de Septiembro, 72 — Apartado 196. Mexico D. F.*

DAS FREYTUM. Organ des Frey-bundes. Presse-zentrale des Frey-Bundes E. V. Leiter: Otto Schaaf. *Berlin Nw, Philippstrasse, 21. Germanujo*. Jarabono : Mk. 16.

## Internacia laborkongreso katolika en Luxembourg

La 31-an de Julio ĝis 3-a de Aŭgusto okazos en Luxembourg la 2-a internacia laborkongreso katolika. Ĉiulandaj samideanoj katolikaj kore estas invitataj. Detalajn informajn donos la nacia direktoro de Ika (Laranjeiras, 225, Rio de Janeiro) aŭ Centra Oficejo de Ika, Graz. Karmliterpl. Austria.

## Esp. Propagandistoj

Kiu sendos tri esperantajn gazetojn, ricevos la Esp. Krestomation de s-ro M. Valentinov ; kontraŭ unu gazeto ekzempleron de «Elektitaj Versaĵoj», de Balment, aŭ de «Ruĝa Esperantisto». Adreso : *Rusujo, Moskvo*, Cudevskaj. per. N. 6.

## Korespondado

S-ro JAN MILOTA, bankoficisto, *Jindr. Hradec—167. 1. Tcheco-Slovaquia,* deziras interŝanĝi. P. K., bfl, L., P. M.

S-ro AUGUSTO JAROSLAW, *Jiĉin. Fugnerova 196. Tcheco-Slovaquia,* deziras ŝanĝi p. m. kun grandaj kolektistoj.

S-ro J. BOĈOUN, *Branná u Jilemnice. Tcheco-Slovaquia,* interŝanĝas poŝtmarkojn.

S-ro MANUEL SANTISO, *Apartado 116, Santa Clara, Cuba,* deziras interŝanĝi poŝtmarkojn kun sudamerikanoj.

S-ro L. ABRAMOVIC, *Rusujo, Baĥamt, Harjkovihaja 65,* deziras korespondi per p. i.

S-ro A. S. SAMOGLOV, *Sbornaja 9ª kv. 22. Simbirsk. Ruslando* deziras korespondi per l., p. k. (bfl), pi. kaj interŝanĝi p. m.

S-ro KONSTANTIN DRUJKOV, *Simbirsa, Ruslando,* poĉtovo-telegrafnaja, deziras korespondi per l., p. k. (bfl), pi.